Sennaciulo

Oficiala organo de sennacieca asocio tutmonda

Decembro 1991 maandblad 62-a jaro, n-ro 12 (1038)

* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem *

# PATRINOJ KAJ MILITO

Kiel jam ĉiu scia, reage al la deklaro de sendependiĝo de Slovenio kaj Kroatio post referendumo (intertempe ankaŭ la samo okazis en Makedonio), la "Popola Jugoslavia Armeo", por savi Jugoslavion, lanĉis militatakon kontraŭ Slovenio (nun okazas ankoraŭ multe pli aĉa milito kontraŭ Kroatio). Pli ol 12000 mortintoj (400000 rifuĝintoj) kaj pluraj miloj da vunditoj estas la rezulto de tiu freneza ago. En la momento kiam la patrinoj komprenis, ke iliaj junaj filoj (19-jaruloj) fariĝis viando por kanonoj, ili organiziĝis. Grupo de serbaj patrinoj perforte eniris la serban parlamenton, diskurigis la deputitojn kaj akiris promesojn (malverajn) ke iliaj filoj revenos hejmen post 24 horoj.

Serbaj kaj kroataj patrinoj interkonsentis renkontiĝi en Zagrebo kaj kune iri al Slovenio por serĉi siajn filojn kiuj troviĝas ie sur la fronto. La saman tagon, la zagreba ĉefplaco estis plenplena de soldataj familianoj, kiuj demonstraciis kun brulantaj kandeloj kaj multaj surskriboj kiuj tekstis: "Patrinoj de soldatoj, unuiĝu!", "Ni savu niajn senkulpajn infanojn!", "Levu viajn voĉojn kaj savu la idojn", "Ni ne deziras ŝtaton de freŝaj tomboj kaj de invalidoj!", "Generaloj, buĉistoj, niaj infanoj ne estas viando", "Generaloj, vi mortigas niajn infanojn, la monda popolo juĝos vin!", "Redonu al ni niajn infanojn!".

Parolis gepatroj, senpovaj, malĝojaj: "Jam de tri tagoj ni serĉas niajn infanojn sur la fronto. Mi trovis mian filon. Oni batis lin, jen, per tiu ilo. Rigardu la trapafitan pelvon kiun portis mia filo. Tiuj infanoj ne havas ŝancon forkuri. Tion sukcesas nur feliĉuloj kaj pli kuraĝaj. Tie mi lastan fojon ĉirkaŭbrakis mian filon, kaj mi ne scias ĉu mi ankoraŭ vidos lin? Helpu al ni, homoj. Ni savu la infanojn!" - kriis unu patro. Malebligu la buĉadon! Ni apelacias al la registaroj de Kroatio, Serbio, Slovenio, Jugoslavio!"

Ĉirkaŭ la 22-a horo alvenis ok aŭtobusoj kun gepatroj el Serbio, kiujn alvene salutis la gepatroj de zagrebaj soldatoj. Unua kontakto ne estis tre varma.

"Ni diras al kroataj kaj serbaj respondeculoj, ke ili ne puŝu niajn infanojn al la milito. Redonu al ni niajn infanojn. Mi mortos por mia filo. Jam de ok tagoj mi ne scias kie estas mia infano. Mi ne bezonas ŝtaton se mia filo mortos!"



Por havi pli da informoj, la gepatroj iris al la armea domo en Zagrebo kie akceptis ilin la novnomita komandanto, generalo Ĵivota Avramoviĉ.

La postulon de la gepatroj, ke ili volas tuj revenigi hejmen siajn filojn, mildigis la grupgvidanto, dirante ke fakte ili venis por peti la informojn, vidi la soldatojn sed ne por venigi ilin hejmen.

Generalo Avramoviĉ povis klarigi, ke la malbona situacio en la lando provokis tiun staton kaj ke la armeo faras sian devon kaj protektas la landlimojn kaj la integrecon de Jugoslavio, sed ke la armeo estis kelkfoje perfidita.

"De kiu?"- demandis la plenplena salono. "Tuj hejmen, ke ĉiu respubliko gardu siajn infanojn!"

"Sed tio estas **nia** Jugoslavio. Mi komprenas vin. Ankaŭ mi estas patro, kaj ankaŭ mia filo plenumas sian devon."-diris la generalo.

- "Kie estas eksteraj malamikoj? Ni ne havas agresantojn, ni havas banditojn. Ni ne permesas ke vi manipulu niajn infanojn! La patrinoj de tuta Serbio postulas ke vi tuj resendu niajn infanojn". Post tiu deklaro sekvis forta aplaŭdo.

"Dum la politikistoj konkurencas, generaloj denuncas, niaj infanoj mortas. Dum ni malsatas, vi transportas niajn malsatajn infanojn de Makedonio ĝis Slovenio. Kiam la lando estos atakita de ekstere, voku nin kaj ni ĉiuj venos. Sed redonu niajn infanojn. ! Ni ne volas ke ili pafu kontraŭ Kroatojn kaj Slovenojn. Ni bezonas nek Slovenion, nek Kroation. Popoloj mem decidu pri sia destino!

Ni ne venis politikumi sed por repreni niajn infanojn."

Tiam la tuta karavano daŭrigis sian vojon al la kazernoj en Slovenio.

Sufiĉis unu nokto al lertaj oficiroj kaj serbaj politikistoj, por konvinki la gepatrojn, ke ili post la revidiĝo kun siaj infanoj revenu solaj hejmen, lasante ilin

(fino paĝo 111)

## *El la redaktejo*

***Karaj gelegantoj,***
***jen ankoraŭ unu 8-paĝa numero. Principe ekde januaro nia "Sennaciulo" devus esti denove 12-paĝa. Ĉi-numere vi trovas suplemente la aliĝilon por la kongreso en Kaunas, Litovio. Por helpi al la organizantoj, ne atendu tro longe por aliĝi. Ankaŭ bone atentu al kiu pagkategorio vi apartenas, por eviti problemojn.***
***Multaj artikoloj atendas sian apervicon pro la manko de spaco en la gazeto. Bedaŭrinde, kelkaj el ili malaktualiĝis kaj verŝajne neniam aperos.***
***La eventoj en la mondo okazas tiel rapide ke ni devas tuj skribi pri ili, se ni volas esti aktualaj. Pro tio, verku tuj post la eventoj kaj sendu tiun materialon al la redakcio (laŭeble kun ilustroj). Vi estas plej bone lokitaj por komenti eventojn kiuj okazas en via loĝlando.***
***Atendante viajn kunlaboraĵojn, sincere salutas vin, via***

***Redaktoro.***

## GRATULON AL KAMARADO WIM QUISPEL !

Ni ĵus eksciis, ke nia fidela kunlaboranto kaj ekspedanto de Sennaciulo el Rotterdamo, **k-do Wim Quispel fariĝis antaŭ nelonge 90-jara.** Kun ioma prokrasto, ni elkore gratulas al li kun deziro ke ankoraŭ longtempe li povu daŭrigi tiun tre gravan laboron por nia Asocio.

La P.K. de SAT

Asocia sidejo de S.A.T.,administrejo kaj redaktejo:
67, avenue Gambetta, F-75020 Paris, tel: (1)47.97.87.05
Oficejo malfermita: lunde 9h30-15h30; de mardo ĝis vendredo:9h30-16h30.
Ekster la laborhoroj funkcias aŭtomata telefona registrilo.
Poŝtkonto: SAT n° 1234-22 K, Paris.
Redaktas: Redakta komitato.
Ĉefredaktoro: Kreŝimir Barkoviĉ.
Ekspedejo de Sennaciulo: W. Quispel, Dennendaal 64, NL-3075 ZC Rotterdam.
Poŝtkonto je nomo:Admin.Sennaciulo n° 668.651 Rotterdam.
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.
Presita ĉe: Grafisch Bedrijf Tuijtel B.V., Hardinxveld Giessendam,Nederl ando.
Aperas monate.

## SAT-SEMAJNFINO EN KAPOSVAR

Post tiom multe da jaroj, fine ni sukcesis aranĝi modestan SAT-semajnfinon en hungara urbo Kaposvar. La 19an de oktobro 1991 kunvenis ses entuziasmaj hungaraj SAT-anoj el diversaj urboj. Ni aktive pritraktis aktualajn movadajn temojn. Bedaŭrinde, en Hungario estas tre malmultaj SAT-anoj, ĉar en la pasintaj jaroj SAT estis perforte subpremata en nia lando. En la estonto, nia plej ĉefa tasko estas pliviglig la movadon kaj varbi novajn membrojn. Espereble en nia venonta, maja kunveno, ĉeestos pli multe da hungaraj SAT-anoj kaj interesiĝantoj

Fine de la kunveno, oni decidis pri jena rezolucio:

### REZOLUCIO
de SAT-semajnfino en Kaposvar

La 19-an de oktobro 1991, ses hungaraj SAT-anoj, kunvenis en Kaposvar okaze de la hungarlanda SAT-semajnfino por pritrakti aktualajn temojn pri SAT. La partoprenintoj de SAT-semajnfino petas la P.K.-on de SAT:

- Forigu "kamarado"-n de antaŭ la nomo skribe kaj buŝe, ĉar nuntempe ĝi estas tre ĝena por ni, kiuj vivas en la "iamaj socialistaj landoj"! Anstataŭ tio uzu la vorton "samideano".
- Ni fondis Amikaran Rondon de la hungarlandaj SAT-anoj (ARO). Ĉiu hungara esperantisto, kiu interesiĝas pri SAT, povas aliĝi al ARO (tiu aliĝo ne signifas rektan aliĝon al SAT. La membroj de ARO estas nur simpatiantoj).
- Ni proponas al P.K. de SAT, ke ĉiu esperantisto povu aliĝi al SAT sendepende de religio, intereso ktp.
- Ni decidas organizi la kongreson de SAT en 1996 okaze de la hungarlanda Mondekspozicio aŭ la 1100-jara datreveno de la fondiĝo de Hungario.
- La venonta hungarlanda SAT-semajnfino okazos en majo en Budapeŝto.
- Fine, ni ege kompatas niajn sudajn najbarojn (serbojn, kroatojn, vojvodiajn hungarojn kaj ĉiun nacion, kiu tie vivas) pro la terura fratmilito. Ni esperas plej rapidan repaciĝon ambaŭflanke.

Nome de hungarlandaj SAT-anoj:
Kovacs Béla

## ESPERANTO KAJ RADIO

De tempo al tempo en S-ulo ni donas informojn pri la ekzisto de la ĉiusemajna esperanto-elsendo kiu okazas en Parizo, kadre de la libera radio "RADIO-LIBERTAIRE" (89,4 MHz). Tiu lasta festas en 1991 sian dekjariĝon, tra publikaj manifestacioj, koncertoj, publikaĵoj. Inter tiuj ĵus aperis du libroj.

La unua, titolita "RADIO LIBERTAIRE, LA VOIX SANS MAITRE"*, rakontas la aventurojn de tiu stacio, inkluzive tiujn de RADIO ESPERANTO.

La dua entenas dekkvin novelojn pri la sola temo: la esprim-libereco. La tria novelo estas dulingva, franca-esperanta. Interne de ĝi la SAT-anoj povos retrovi kelkajn karajn ideojn. La titolo de tiu novelo estas "SENNACIECE VIA...."

Ni precizigas, ke la unua libro kaj de tria novelo de la dua libro estas verkitaj de Yves Peyraut, prezidanto de la PK de SAT.

*Anoncanto*

*la voĉo sen mastro
"RADIO-LIBERTAIRE, la voix sans maitre" , 200 p. Eld. Le Monde Libertaire, 90 FF.
"Libres comme l'Air, 130 p. , Eld. "Le Monde Libertaire", 85 FF.

## *VOKO AL NIAJ MEMBROJ !*

***Gekamaradoj kiuj posedas la komputoron "Macintosh" kaj kiuj estas pretaj kunlabori kaj helpi al SAT, bonvolu anonci sin skribe al nia sidejo:***
***SAT, 67 av. Gambetta, F-75020 Paris.***

## PRI LA HELPKOTIZO !

Tiuj gekamaradoj, kiuj ne povas pagi la helpkotizon, sed tamen deziras aldoni sum(et)on por la Helpo al la Asocio, tion povas daŭre fari. La Asocio kun danko akceptas eĉ la plej etajn kontribuaĵojn

La P.K. de SAT.

FILATELA SERVO
Nia k-do Ramelli, respondeculo de nia filatela servo ricevis poŝtmarkojn de pluraj gekamaradoj, sed ankoraŭ ne sukcesis vendi ilin. Jen la nomoj de tiuj donacintoj al kiuj ni elkore dankas: Orliange, iu nederlandano, Signoret, Zavodsky, Larin, Hermann, Norda erikejo, Noulin, A. Orellana Rojas, Seidemann, Kaspiravičius, Paulsson, Tusakin, Szabadi, Amable, Nagel, Vulfoviĉ, Vivancos, Maatman, P. Persson.

**HELPO AL LA ASOCIO**
**En Nederlando (Guld.)** Landwehr 30,00; Ter Braak 250,00;
**En Germanio (GMk)** A.F.Stephan 14,00; G/LEA 10,10;
**En Francio (FF)** MKE 66,15 (400 BF)

**SOLIDARSERVO**
**En Francio (FF)** MKE 82,41(500 BF)

# 65-a KONGRESO DE SAT

## 05.08.1992 - 15.08.1992
## EN KAUNAS, LITOVIO

ORGANIZA KONGRES-KOMITATO:
Prezidanto: Povilas JEGOROVAS
Sekretario: Rima SKUDZINSKIENE
Kasisto: Viktoras BANIULAITIS

Aliĝ-kontaktadreso: 233000 KAUNAS-C, ab.k. 167, Litova Esperanto-Asocio, Litovio. Oficeja telefono 7-0127-208503 (landa kodo, urba kodo, numero).
Telekso 269806 BOOK SU
Telefakso: 7-0127-204970. Aldonu vorton ESPERANTO.

## KOMUNIKO

Litova Esperanto-Asocio invitas vin partopreni la 65-an kongreson de SAT.

Loko: Kongreso okazos en studenta urbeto de Litovia Agrikultura Akademio kelkajn kilometrojn for de Kaunas, Litovio.

Tempo: La kongreso funkcios de la 5-a ĝis la 15-a de aŭgusto 1992. Veno al la kongreso la 4-an de aŭgusto, forveturo la 15-an de aŭgusto.

Partopreno: Estas invitataj ĉiuj esperantistoj, membroj de SAT kaj la gastoj. La nombro de kongresanoj ne estas limigita. Partopreno nur portempa ne estas dezirinda. Aliĝilojn petu de SAT-sidejo en Parizo aŭ de Litova E-Asocio.

Loĝado: En studentaj domoj. Unu kaj kelklitaj ĉambroj. Komunaj kuirejoj, duŝejoj k.s. Dezirantoj povos loĝi en hotelo en Kaunas laŭ aparta peto kaj pago.

Manĝado: Organizita por ĉiuj en studenta manĝejo.

Aliĝo: Por aliĝi al la kongreso necesas plenigi aldonatan aliĝilon kaj sendi al la adreso: 233000 KAUNAS, ab.k. 167, Litova Esperanto-Asocio, Litovio. Samtempe estas pagenda aliĝkotizo kaj restadpago por la kongreso.

A. KONGRESAJ ALIĜKOTIZOJ POR PAGIPOVAJ OKCIDENTAJ LANDOJ - EN F.F.

| | Ĝis 01.03.92 | Ĝis 01.05.92 | Poste |
|---|---|---|---|
| SAT-membroj | 250,00 | 300,00 | 350,00 |
| SAT-geedzoj | 400,00 | 450,00 | 500,00 |
| SAT-gejunuloj (15-25 j.) | 125,00 | 150,00 | 175,00 |
| Gastoj | 350,00 | 400,00 | 450,00 |
| Gast-geedzoj | 500,00 | 600,00 | 700,00 |
| Gast-gejunuloj (15-25 j.) | 175,00 | 200,00 | 225,00 |

B. KONGRESAJ ALIĜKOTIZOJ POR EKSSOCIALISMAJ EŬROPAJ, ORIENTAJ KAJ ALIAJ NERIĈAJ LANDOJ - EN RUBLOJ-

| | Ĝis 01.03.92 | Ĝis 01.05.92 | Poste |
|---|---|---|---|
| SAT-membroj | 50,00 | 55,00 | 60,00 |
| SAT-geedzoj | 70,00 | 80,00 | 90,00 |
| SAT-gejunuloj (15-25 j.) | 25,00 | 30,00 | 35,00 |
| Gastoj | 65,00 | 70,00 | 75,00 |
| Gast-geedzoj | 100,00 | 110,00 | 120,00 |
| Gast-gejunuloj (15-25 j. | 35,00 | 40,00 | 45,00 |

C. KONGRESAJ ALIĜKOTIZOJ POR SOVETUNIO, ĜIAJ ESTINTAJ KAJ NUNAJ RESPUBLIKOJ -EN RUBLOJ-

| | Ĝis 01.03.92 | Ĝis 01.05.92 | Poste |
|---|---|---|---|
| SAT-membroj | 30,00 | 40,00 | 50,00 |
| SAT_geedzoj | 50,00 | 60,00 | 70,00 |
| SAT-gejunuloj (15-25 j.) | 15,00 | 25,00 | 35,00 |
| Gastoj | 40,00 | 50,00 | 60,00 |
| Gast-geedzoj | 60,00 | 80,00 | 100,00 |
| Gast-gejunuloj (15-25 j.) | 20,00 | 30,00 | 40,00 |

Kongresanoj el pagipovaj landoj (A) pagu la kotizon en **Francaj Frankoj** al poŝtkonto de SAT en Parizo, numero 1234-22 K, Paris, kun indiko "aliĝo al kongreso". Aldonu kopion de la aliĝilo.

Kongresanoj el ekssocialismaj Orienteŭropaj kaj aliaj neriĉaj landoj (B) prepariĝu pagi la kotizon en **Rubloj** surloke, veninte al la kongreso, laŭ dato de via aliĝilo, ricevita de Organiza kongreskomitato.

Kongresanoj el Sovetunio kaj ĝiaj estintaj kaj nunaj respublikoj (C), sendu la monon en **Rubloj** al la kasisto de la kongreso, k-do BANIULAITIS Viktoras, Zigmo, 235800 Klaipeda, ab.k. 168, Litovio.

En kazo de nepartopreno, kotizo ne estos repagebla kaj ne transdonebla al alia persono.

RIMARKOJ: a) Infanoj malpli ol 15-jaraj rajtas aliĝi senpage, se samtempe aliĝos almenaŭ unu el gepatroj, sed ne ricevos apartan kongresmaterialon.
b) Subtenantoj, kiuj pagos almenaŭ 50 Francajn Frankojn, ricevos kongresmaterialon.

RESTAD-KOSTOJ:

a) Por kategorio A en Francaj Frankoj

| | |
|---|---|
| Junul-gastejo | 1500,00 |
| Plurlita ĉambro | 2000,00 |
| Unulita ĉambro | 2500,00 |

b) Por kategorio B en Rubloj

| | |
|---|---|
| Junul-gastejo | 300,00 |
| Plurlita ĉambro | 350,00 |
| Unulita ĉambro | 400,00 |

c) Por kategorio C en Rubloj

| | |
|---|---|
| Junulgastejo | 200,00 |
| Plurlita ĉambro | 250,00 |
| Unulita ĉambro | 300,00 |

La restadkostoj kovras la kostojn de 10 diurnoj (tag-noktoj) en studentaj domoj, trifoja manĝo dum 10 tagoj, ekskursojn parto de kultura programo k.s.
Bonvolu pagi same kiel aliĝkotizojn.

PROGRAMO: Prelegoj, diskutoj, forumoj, laboro en plenkunsidoj kaj en sekcioj, interkona vespero, ekskursoj, kulturaj programeroj en Esperanto, gazetara konferenco, baza konatiĝo kun litova lingvo, ekspozicioj, libroservo, filmoj, lumbildoj, instruado de kantoj, oficialaj malfermo kaj fermo, ĝeneralaj laborkunsidoj, kunvenoj de frakcioj, adiaŭa vespero. ALIAJN INFORMOJN LEGU EN VENONTAJ NUMEROJ.

# TERKULTURO EN FRANCIO EN 20-A JARCENTO

Unu el la ĉefaj interesoj prezentataj de SAT-kongreso estas la okaza ebleco havi konversaciojn kun alilandaj alitendencanoj, en etoso de amikeco, reciproka respekto kaj malkaŝemo. Tiel mi ricevis konfirmon pri iluzioj, jam konstatitaj en orientlandaj revuoj, koncerne la realecon de la kapitalismo en la lando, en kiu mi mem vivas preskaŭ seninterrompe jam de pli ol 65 jaroj. Mi ja vivis preskaŭ du jaroj en alia lando, kiu multrilate kaj profunde similas ĝin malgraŭ okulfrapaj diferencoj.

Tiuj iluzioj disvolviĝis ne nur sub la influo de la eksterlanda liberalisma propagando, sed ankaŭ kiel komprenebla reago kontraŭ la dogmeca karaktero de la oficiala doktrino. Nefacile estas akcepti, ke la realeco estas nek tiel tute blanka, nek tiel tute nigra, kiel partipolitika pasio postulus. Nemezurebla estas la negativa rolo ludita, en tiu kunteksto, de la kalumnioj kaj maljusta administra traktado kontraŭ SAT.

Unu el la plej fortikaj iluziaroj koncernas la agrikulturon. Nekontesteble, Francio estas, en la tuta mondo, unu el la landoj, kie la agrikulturo plej bone prosperas...

En Francio, la hieraŭa kamparana socio, fondita sur familia ekspluatado kaj vivanta preskaŭ tute sur si mem, hodiaŭ estas kaduka. Tirita en la ekonomia logiko de la internacia merkato, ĝi strukture tute transformiĝis. La nombro de terkulturaj entreprenoj kvinoniĝis de post 1900. Ili okupas hodiaŭ ne pli ol 6% de la tuta aktiva loĝantaro. Post 1945, la franca terkulturo perdis ĉiutage 250 laborpostenojn, kiuj nutris la industrian kaj urban kreskadon. Tamen, ĝia produktiveco ĉiam kreskis. En la 50-aj jaroj, Francio importis pli grandan kvanton da agrikulturaj produktoj, ol ĝi eksportis. Ĝi ne kapablis kontentigi sian internan peton. Hodiaŭ, ĝi estas la unua eŭropa agrikultura potenco. La pluso de ĝiaj agrikulturaj kaj nutroproduktaj interŝanĝoj atingis lastjare 53 miliardojn da frankoj (preskaŭ 10 miliardojn da dolaroj: la sesonon de la ekstera ŝuldo de Sovetio!). Ĝia troa produktado superŝutas la silojn de interveno de EEK. Por limigi ilin, tiu ĉi favoras la nekulturadon de kultureblaj kampoj.

Tiu modernigo, akcelita de ĉiuj registaraj politikoj post la dua mondmilito, konsistigis veran hemoragion por la kamparo. De kvin milionoj kaj kvincent mil terkulturistoj en 1955, restas hodiaŭ nur unu miliono kaj tricent mil. La meza surfaco de la ekspluatataj bienoj kreskis inverse proporcie al ilia nombro. La plej malgrandaj, la plej malfortikaj, nekapablaj elteni la koston de la modernigo, kliniĝis antaŭ la plej grandaj. Tiel la produktivigaj praktikoj, kapitalavidaj, ankaŭ forĵetis la homojn. En 1970, oni kalkulis 335000 terkulturajn salajrulojn. Ilia nombro duoniĝis antaŭ 1990. Tiam ili estis nur 156000.

La urboj enhavas 73% de la loĝantaro de Francio. Parizo koncentras 20 % de la loĝantaro sur 2 % de la nacia teritorio. Multajn dezertigitajn sudfranciajn vilaĝojn ĉirkaŭas resovaĝiĝinta naturo. La sovaĝa arbaro kreskas kaj forviŝas la vojojn. Aliloke, la detruo de unu miliono da kilometroj da heĝoj ebligis la uzadon de kolosaj rikoltmaŝinoj. Dekkvar milionoj da hektaroj (140000 kvadrataj kilometroj) konsistigas tiel la riĉajn gren- kaj betkulturajn ebenaĵojn de Norda Francio. Malaperas kvar terkulturaj



entreprenoj ĉiuhore.Tiun situacion dramece travivas la terkulturistoj kaj iliaj familioj. En la kamparo, la homaj kaj sociaj rilatoj malriĉiĝas. La loĝantaro maljuniĝas; 60 % el la terkulturaj entreprenestroj estas pli ol 50-jaraj, 30 % el la terkulturistoj aĝaj malpli ol 40 jarojn estas fraŭloj. Peze ŝuldoŝarĝitaj, frontantaj konstante falantajn agrikulturajn prezojn kaj la limigojn de produktado trudatajn de Bruselo, ili baraktas en malfacilaĵoj. Tiuj kiuj elektis la pliproduktivigon, dependas, por siaj internaj konsumoj, de la industrioj produktantaj sterkaĵojn, porbrutajn nutraĵojn kaj terkulturajn maŝinojn.

En merkato, kiun ili ne regas, ili nun sentas sin kaptitaj. Ili provas elturniĝi per pli moderna tekniko, sed tio postulas investojn. Ili malfacile vendas siajn produktojn pro la nesufiĉa aĉetpovo de la potenciala klientaro. Tiujn, kiu troviĝas tro proksime de granda urbo, minacas ekspropriiĝo profite al domkonstruaj societoj. La troa uzado de sterkaĵoj estas faktoro de malpurigo de la naturo. La nitratoj minacas la rezervojn de trinkakvo. Same faras tro intensa irigacio. La humon de la grundo detruas tro intensa ekspluatado, kaj la grundon minacas venta erozio, simila al tiu de Usono. Dezertigo minacas grandegajn partojn de la teritorio. Okazas provoj kontraŭi tiujn tendencojn, sed ili kontraŭas la profitan logikon de la merkata ekonomio, kaj la liberalisman politikon, kiu favoras tiun ĉi per ŝtata trudo.

Tiujn faktojn, kiujn mi resumis el "la Vie Ouvrière" ("la Laborista Vivo"), 19-25 aŭg. 1991, semajna revuo de mia sindikata organizo (CGT), plene konfirmas mia propra sperto. En la vilaĝo Châteaufort (Ŝatofor, ĉ. 5000 loĝantoj), kie mi trapasis mian infanecon, kaj kiu kuŝas je 7 kilometroj de mia nuna adreso, estis ankoraŭ en la 30-aj jaroj dekduo da funkciantaj terkulturaj entreprenoj, kiujn mi ankoraŭ memoras individue. Restas neniu. La preskaŭ sola ekonomia aktiveco de tiu vilaĝo nun estas tiu de ... dormejo. Mi ne postulas blindan kredon pri miaj asertoj: ili estas facile kontroleblaj. Mi konstatas, ke la evoluo, kiun mi priskribas kaj havis la okazon observi dum mia preskaŭ tuta vivo, centprocente konfirmas la analizojn de Marks pri la kapitalista merkata ekonomio. Ankaŭ tiu ĉi aserto estas ja tre facile kontrolebla en landoj, kie verkoj de Marks ankoraŭ estas akireblaj.

Estas neniu favora perspektivo en la merkata ekonomio por la popoloj de orientaj landoj, nek por la aliaj.

*Petro Levi (23.111) - 1991.09.11.*

## RAPORTO DE LA LEA-KOMITATO

Kunveno okazinta en Ottignies-L.L.N. la 1. 08.91.

Ĉeestis 5 LEA-oj: FLE, Germana LEA, SAT-Amikaro, SATEB, SLEA, k-do Y. Peyraut por SAT, k-do L. Patek, membro de ASLE, k-do G. Damjanov peranto por Bulgario.

Ĉiu LEA prezentis siajn agadojn dum la pasinta jaro.

- Regula aperigo de gazeto.
- Organizado de kursoj, ĉu per korespondado, ĉu fare de lokaj grupoj.
- Kelkaj LEA-oj organizas loterion por helpi SAT aŭ por partoprenigi novajn membrojn al la kongreso.
- Renkontiĝoj kun alilandanoj estas okazo por stimuli la lernantojn.
- Se LEA-oj sukcesas eldoni varbmaterialojn, aliaj klopodas starigi taŭgajn propagandilojn.
- Organizado de jara kongreso, asembleo, konferencoj estis la prizorgado de ĉiuj.
- Interŝanĝo de LEA-gazetoj.
- Ni mencias FLE kiu arigis 100 partoprenantojn dum sia 80-jariĝa jubileo kaj okazigis 4 kulturajn semajnfinojn; kaj SAT-Amikaro kiu allogis 330 gekongresanojn por sia jara kongreso.
- Financa parto: Ni diskutis pri la monaj malfacilaĵoj de SAT, kaj konsiderante nian LEA-kason, ni akceptis la jenan proponon de SAT-Amikaro:

"Konsiderante la nunajn cirkonstancojn de SAT, la LEA-oj decidis donaci, cele al aperigo de plia numero de Sennaciulo, la sumon de 5000 Francaj Frankoj.

*G. Cavalier, sekretario de la LEA-Komitato.*

# *Vi sciu ke.....*

- Samarkandaj esperantistoj organizos fine de la jaro 1991 internacian ekspozicion titolitan "Arkoj de l'Mondo". Tiucele estas serĉataj ĉiulingvaj tiutemaj fotoj, bildkartoj, pentraĵoj, desegnaĵoj, insignoj, gluetikedoj, turismaj afiŝoj, prospektoj kaj ĉiuj ceteraj materialoj pri ĉiuspecaj arkoj en la tuta mondo (antikvaj kaj modernaj, grandaj kaj malgrandaj ktp). Ĉiu kontribuinto ricevos kolorajn bildkartojn pri vidindaĵoj de antikva 2500-jara Samarkando kaj aliajn laŭdezirajn uzbekajn memoraĵojn. Bonvolu sendi ĉion (laŭeble baldaŭ) al: Esperanto-Klubo, P.O.Box 76, SU-703000 SAMARKAND, Uzbekistan, USSR.

- la adreso de nia k-do Josef Hradil en la adresaro estas malbona. La bona estas: Druzstevni 1161, CS-29501 Mnichovo Hradište, Ĉeĥoslovakio.

- la Asocio de Esperantistoj Handikapuloj (AEH), aranĝos de la 18-a ĝis la 25-a de julio 1992 la **I-an Mondkongreson de Esperantistaj Handikapuloj**, en fama banurbo Františkovy Lazne, Ĉeĥoslovakio, kie estis konstruita en la jaro 1914 la unua monumento de d-ro Zamenhof en la mondo. Informojn petu kaj provizorajn aliĝojn sendu al Asocio de Esperantistoj Handikapuloj, p.k. 63, CS-274 01 SLANY, Ĉeĥoslovakio. Limdato: 31.12.1991.

- nia malnova membro, k-do Lennart Aberg el Gotenburgo, fariĝis en aŭgusto 80-jara. Li estas esperantisto jam de 60 jaroj kaj daŭre aktive partoprenas la kluban vivon. Gratulojn kaj bondezirojn al li, okaze de tiu datreveno.

- Sufiĉas sendi poŝtkarton al la redakcio de "Heroldo de Esperanto" (adreso: Via Sandre 15, I-10078 Venaria Reale (To), Italio), por senpage ricevi ekzempleron de la duobla numero de la gazeto kun ilustrita raporto pri la U.K. en Bergen.

- fondiĝis Esperantista Unesko-asocio dum la UK en Bergen, nomita "Monda Kunagado por Eduko, Scienco kaj Kulturo" (mallonge "Monda Kunagado"). Ĝi celas agi per propraj interesaj projektoj sur la kampoj de edukado, scienco kaj kulturo, perante la ideojn de paco kaj internacia interkompreniĝo, kongrue kun la celoj kaj idealoj de Unesko kaj kunlabore kun ĝi. En sia mesaĝo al la UK, la ĝenerala sekretario de UNESKO, F. Mayor, aparte bonvenigis la fondon de Unesko-asocio. La revuo de la asocio estas "Monda Forumo". Kiu deziras kunlabori, ricevi aligilon aŭ ekzempleron de "Monda Forumo" kaj la statuton skribu al: Ulrich Becker, Küstriner Str. 3, D/O- 1092 BERLIN, Germanio.

- Fondaĵo Ivo Lapenna starigis "Stipendion Ivo Lapenna". La stipendio konsistas el subvenciado al kiel eble plej multaj disertacioj je universitata nivelo (doktoriĝoj, magistriĝoj, licencioj), kiuj temas pri esperantologio kaj aŭ pri Esperanto en rilato kun interlingvistiko. La unuan fojon la stipendio estos aljuĝita en 1992.

- la ASOCIO AZIMUTO havas kiel celon aranĝi malmultekostan restadon kaj viziton en tuta Francio. En kunlaboro kun MONDA-TURISMO (fondita en 1976) ĝi ofertas eblecon vojaĝi ĉiudirekten en la esperantista mondo. Ĉiujn informojn donas: Asocio AZIMUTO, 31, rue des Prés, F-68170 RIXHEIM, Francio.

- K-do Christian Papenmeier laboras por internacia disvenda organizo. Tiu organizo nun serĉas kunlaborantojn en la tuta mondo, speciale en la iamaj socialismaj landoj. Interesatoj bonvolu skribe kontakti nian kamaradon. Bonvolu skribi al: Christian PAPENMEIER, PSF 2, D/O-9158 HOHNDORF, Germanio.

- ĵus aperis la 3-a numero de "VERDIRE", ekologiisma gazeto en Esperanto. "VERDIRE"pligrandiĝas kaj pliriĉiĝas. Ampleksa panoramo de la ligiteco de ekologiisma movado kaj esperanto-movado. Sin turni al: Claude ROUGET, Radarvn. 5, N-9014 HAPET, Norvegio.

- La EGLI (Esperantista Go-Ligo Internacia) alvokas ĉiujn Go/Vejĉi/Badukludantojn esperantistajn partopreni en la mondvasta III-a Internacia Koresponda Go-Turniro. Ĝi komenciĝos en januaro 1992. Interesuloj bonvolu enskribiĝi ĉe la turnirgvidanto: Matthias Reimann, Platz der Freiheit 20, D/O-5503 ELLRICH, Germanio.

## PACISTA FRAKCIO DE SAT

LAŬ AMNESTIO INTERNACIA

Kapitano David Wiggins, 28-jara kuracisto de la usona armeo, sendita al Saŭdarabio en decembro 1990, estis farinta en februaro 1990 peton por eksiĝi el la armeo kiel prokonscienca obĵetanto, ĉar li alvenis al la konkludo, ke la sinturno al la perarmila forto estas "senmorala, rezultiganta senfinan ciklon de murdado kaj detruado". Tamen, malgraŭ favora rekomendo de la oficiro enketinta pri li, lia peto estis rifuzita. Liaj provoj eksiĝi el la armeo provokis akuzon kontraŭ li, kaj li estas juĝota de armea tribunalo. Amnestio Internacia malkvietas pro tio, ke li ne rajtas ricevi juran helpon, nek aperigi atestantojn ĉe la proceso, kiu eble okazos en Saŭdarabio.

## LIBERECANA FRAKCIO

La broŝuro "La Rezolucioj de la kongreso de Saint-Imier" elĉerpiĝis. Nova eldono estas ĵus realigita de la SAT-Broŝurservo. Oni povas mendi ĝin ĉe SAT-Parizo.

## NEKROLOGO

En York, Britio, mortis la 21-an de majo, nia malnova kaj fidela membro,
**k-do Walter PEAKE (matr. 24.002)**
Ni kondolencas al familianoj.

*****

En Järfälla, Svedio, mortis en julio nia malnova membro,
**k-dino Inez GULLMARSTAM (matr. 32.366)**
Ni kondolencas al edzo, parencoj kaj geamikoj

*****

En Barrow-in-Furness, Britio, mortis en julio, nia membro,
**k-do Frank DANSON (matr. 33.261)**
Ni kondolencas al familianoj kaj geamikoj.

*****

En Oerlinghausen, Germanio, mortis la 13.08.1991 nia malnova membro,
**k-do Bernhard MEINERS (matr. 27.210)**
Ni kondolencas al la familianoj.

*****

La 3-an de oktobro 1991 mortis nia fidela amiko, en la aĝo de 89 jaroj,
**k-do Marinus GRIEP (matr. 21.102)**
Al FLE-sekcio li aliĝis en la jaro 1936 kaj estis malnova kaj fidela membro de SAT. Ĉiam fidele li vizitis klubajn kunvenojn, ĝis kiam la sanstato malebligis tion al li. Ni perdis bonan kaj fidelan amikon kaj ni certe ne forgesos lin.

J.W.Quispel-Adriaensen

*****

La 22-an de septembro 1991 mortis en Slany, Ĉeĥoslovakio, 61-jara, nia kamaradino
**Jana MALINSKA (matr. 33.864)**
Ni kondolencas al la familianoj.

*****

En Split, Kroatio, mortis nia malnova membro, k-do
**Rudolf KENK (matr. 31.352)**
Ni kondolencas al familianoj.

*****

En Baĉka Topola, Serbio, (Jugoslavio), mortis nia k-do
**Djula KMEĈKO (matr. 30.279)**
Ni kondolencas al familianoj.

*****

En Zagrebo, Kroatio, mortis la 12-an de aprilo 91, 92-jara, nia membro, kamarado
**Zvonko REHORIĈ (matr. 32.262)**
Ni kondolencas al familianoj kaj zagrebaj esperantistoj.

*****

La 18-an de oktobro 1991, post mallonga malsano, mortis nia malnova membro, kamarado
**Arie van BEEK (matr. 23.208)**
Ni kondolencas al la edzino.

*****

En Fürfeld, Germanio, mortis subite kaj neatendite dum vojaĝo al E-Kongreso, nia k-do
**dr. HEGEMANN F. (matr. 34.021)**
Ni kondolencas al familianoj.

# JUNAJ VOĈOJ

## Paĝo de la SAT-Junulfako

### MESAĜO DE LA PLEJ JUNAJ ZAGREBAJ ESPERANTISTOJ

Okaze de la internacia semajno de infano - oktobro 1991

*La plej junaj zagrebaj esperantistoj, lernantoj de zagrebaj bazlernejoj sendis la mesaĝon al la mondo okaze de la internacia semajno de infano, en oktobro 1991. Ni reproduktas ĝin el "ZELANO" (organo de Zagreba E-Ligo), n° 10-11-1991.*

Estimataj plenkreskuloj,

Ĉi mesaĝon direktas al vi ĉiuj - gepatroj, geinstruistoj, oficistoj, politkistoj, ŝtatestroj, plenkreskuloj de la tuta mondo - la plej junaj zagrebaj esperantistoj.

Ankaŭ ĉi-jare, dum la Semajno de infano, niaj samaĝuloj en opaj Afrikaj kaj Aziaj landoj mortadas pro malsato kaj malsano. Ili ne povas viziti lernejojn kaj pri ludo tute ne pensas. Verŝajne vi direktos mesaĝon, ke oni ankaŭ ebligu al ili normalan infanecon. Sed, ĉi jare, parton de via atento vi donu al ni, INFANOJ EL KROATIO. Ni estas loĝantoj de suverena, memstara Respubliko Kroatio, loĝantoj de Eŭropo, loĝantoj de la mondo. Nia rajto kaj via devo estas ebligi al ni pacan infanecon, senĝenan viziton al lernejo, eblecon ludi kaj ĉion alian esprimitan en la "Deklaracio de infanaj rajtoj", akceptita en la jaro 1959.



*Infanoj kaj maljunuloj serĉas rifuĝejon antaŭ la teruraĵoj de la milito.*

Civitanoj de la Mondo,

Viaj infanoj certe dezirus montri al ni Kaskadojn de Niagaro, kaj ni ne povas al ili montri la Lagojn de Plitvice. Ili montrus al ni Akropolon aŭ Malnovan Romon, kaj ni ne povas al ili montri urbon-monumenton Dubrovnik. Ni kune ĝuus en promeno tra la urbo de Mozarto aŭ en rigardo al la Eifel-a turo, ni ne povas doni al ili eblecon kunludi en la scenejo apud katedralo de Ŝibenik.

Ni esperas ke vi komprenis - **en Kroatio estas milito.** Infanoj mortas, infanoj restas sen patroj kaj domoj, kuras el la lernejoj antaŭ la sono de sireno.

Pripensu ankoraŭ hodiaŭ, ĉar morgaŭ eble estos tro malfrue por haltigi militon en Kroatio, en Eŭropo, en la Mondo!

Vi ne devas tiel forte gardi viajn postenojn, ĉar morgaŭ ili apartenos al infanoj de la mondo, kiuj certe ne militos!

Ideo de Esperanto instruas nin, ke ni devas esperi. Tial, ni, la plej junaj zagrebaj esperantistoj, esperas, ke venkos saĝo kaj ke baldaŭ ni ĉiuj vivos kiel unu granda familio, LA PACA MONDO!

### RAPORTO PRI NERAPORTEBLA IJR EN EPEN (NL)

Jam en la buso al Epen, dum ni enprofundiĝas en la limburga kamparo kaj montetaro, esperantistoj nature sin rekonas - kutime ja juna esperantisto estas facile rekonebla pro steletoj, Esperanta T-ĉemizo, kaj sakego ! - kaj ekligiĝas.

Kun plezuro ni frandas la novajn pejzaĝojn ĉirkaŭ ni kaj scivoleme babilas kun niaj novaj konatuloj. "Elbusiĝu en Epen, Julianastraat. Surloke duonhora promenado laŭ indikita skemo", precizigas nia informilo. Diable, la sakoj pezas, kaj post trajna kaj busa duonsufokiĝo, ni nun abunde ŝvitas. Finfine ni alvenas en ĉarman farmo-fericentron. Tie la esperantistoj alvenas iom post iom kaj iom emocie salutas unu la alian.

Vespere, ĉiuj ricevas identigan koloran (tuk-)pinĉilon kaj en rondo enmemorigas la nomojn de ĉiuj aliaj 30 alvenintoj: Darius, Petr, Viŝnja, Dada, Eva, Ivica.. kaj ..Ŝaba? - Csaba! Ĉ! Kiel ĉokolado! Nu, tie ne ekzistas anonimeco de hotelaj ĉambroj kaj de grandaj kongresoj. Ĉiuj povis ekkoni unu la alian (entute partoprenis 37 homoj), ĉion oni komune faras, memkuiraĵojn kaj saman panon oni onigas. Post lignokolektado en la arbaro, granda bivakfajro nin varmigas kaj malsolene malfermas la renkontiĝon...nur estas ni, la fajro kaj stelplena ĉielo...

Sekvantan tagon deĵoras ruĝaj pinĉiluloj, kiuj - akceptinte sian sorton - kuiras kaj lavas la manĝilaron. Bone funkcias la sistemo, eĉ sen malfruo. Tiu plado kun legomoj kaj kokidaĵpecoj bonodoras, sed kio naĝas en la saŭco? Abrikoto?! Kelkaj homoj surpriziĝas kaj inter ili kelkaj francoj kiuj fanfarone prilaŭdas sian enlandan kuirarton. SAT-anoj kaj ne SAT-anoj alkutimiĝu al eksternacia sent', pens', kaj manĝkapablo!

La dimanĉmatenon, prelegas Matthieu Schreymecker pri kompleksa historio de Moresneto kaj pri la iama sendependa esperantista ŝtateto "Amikejo" (legu artikolon en S-ulo n° 1032). Multaj kunportitaj dokumentoj kaj mapoj helpas al ni kompreni tion, kio okazis al tiuj kelkaj kvadrataj kilometroj kaj ties enloĝantoj. Posttagmeze ni rapide kaptas la buson kaj nin direktas al la iama kvarlanda - nun trilanda - limŝtono. Kiel escepto de la regulo, la vojoj en tiu parto de Nederlando tute ne estas ebenaj kaj la buso preterpasas ŝvitantajn biciklantojn. Ni atingas la trilandan kulminan punkton - iom pli ol trimil decimetroj super la marnivelo! Tiel ŝercas la nederlandanoj) kaj tie komenciĝas perpieda propraokula vizito de tiu terpeco simbola por esperantisto.

Fininte la ekskurson, ni estas iom lacaj kaj daŭre frapas la suno; Csaba profitas la okazon ekzerciĝi al stila lertiĝo:

- Kial vi staraĉas antaŭ mi dum vi povus sidaĉi sur tiu benkaĉo por atendaĉi la busaĉon, knabaĉo?
- Csabaĉa ŝercemulaĉo..

Vespere post ioma ripozo, Saskia - al kiu ne sufiĉas la organizado de la renkontiĝo - koncertas per sia harpo kun la tenoro Edward Hoepelman. Nin ĉarmegas la muziko kaj la poezio de la tekstoj, tradukitaj al Esperanto.

Jam post du tagoj, ni alkutimiĝas al dolĉa vivritmo, alternigante promenadojn en alloga kamparo, diversajn liberajn aktivecojn (babilado, ludoj, muziko...), kaj laŭtemajn "seriozajn" prelegojn kaj diskutojn.

Kvankam estas malfacile paroli pri tiel vasta temo kiel "la sociala Eŭropo", ni sukcesis interŝanĝi spertojn kaj informojn. Ne eblas bone resumi; ekzemple, Grazyna parolis pri socialaj perspektivoj en Pollando kaj reliefigis kiel grave la tuta sistemo dispeciĝas kaj kiel nun regas necerteco kaj maltrankvileco: "Ŝajnas, ke la plej efektiva kaj fidinda metodo por antaŭvidi socialan nivelon en Pollando en la sekvanta jarcento estas aŭgurado per ludkartoj. Kion ni ankoraŭ perdos? Kion ni

sukcesos konservi? Pri kio ni povas rezigni kaj kion ni atente gardu? "Sekvas multaj malfermitaj demandoj...

Matthias Funke prelegis pri seksaj rajtoj en Eŭropo, kaj Pavla pri makrobiotiko kaj kontribuo de orienta filozofio kiel alternativa ideo por nia civilizacio iel spirite malsana.

Kaj ankaŭ tempon ni trovis por prezenti al la interesatoj "Kio estas SAT?". Interesa demando... Des pli interesa, ke al tiu SAT-Junulfaka aranĝo preskaŭ ne venis SAT-junulfakanoj! Nur kvar aŭ kvin kiuj jam delonge konas unu la aliajn!

Alvenas ĵaŭdo kaj la kanua ekskurso, anoncita de Saskia kiel ne danĝera kaj ne laciga, sed kiun ŝi tamen ne partoprenos por - laŭdire - prepari krespojn por la vespermanĝo. Fidemaj, ni ĉiuj enkanuiĝas kaj komencas remi...remi...kvinhoran remadon, kun trapaso de rapidaj fluejoj, sunbruliĝo kaj soifo! Kion ni diable faros al Saskia por venĝi? Feliĉe ni konsoliĝas per krespoj...

La lastan tagon okazas forumo en kiu ĉiu rakontas iom pri socialaj kondiĉoj en sia lando: studentaj, senlaborulaj, senservaj ktp. Tiel jam finiĝas la tema programo.

Ni ekbruligas la kampfajron por la lasta komuna nokto...

Nu, ĝis la venonta renkontiĝo! Iam...

*N. Freud*

## JARA RAPORTO KAJ PERSPEKTIVOJ DE LA JUNULFAKO

### Agado dum la jaro 1990-91.

-En la komitato ĉi-jare aktivis: Jacqueline Poux, kaso; Didier Izacard, sekretariado, Atiljo Orellana-Rojas, latinamerika kontakto; Maria Merla, orienteŭropa kontakto; Saskia Veen, organizado de la IJR '91 ; Nicolas Freud, kunordigado.

- Nia membraro daŭre kreskis ĝis 220 personoj (do homoj malpli ol 35-jaraj). Multaj homoj el orienteŭropo aliĝis dum la lastaj monatoj, sed ni havas neniun informon pri ilia eventuala organiziĝo.

- Kasraporto por 1990 jam aperis en numero 1032.

- Broŝuro "SAT-Junulfako prezentas sin 4" aperis kaj estis sendita al ĉiuj niaj membroj. Ĝi estis preskaŭ entute dediĉita al dosiero pri statuto de SAT, tiel ebligante al sufiĉe multaj membroj esprimiĝi pri kelkaj debatindaj punktoj. Redaktis la broŝuron Nicolas, kopiis kaj sendis Saskia. Kune kun ĝi estis sendita referendumilo por ke la membraro donu sian opinion koncerne eventualan modifon de la statuto. Tiu enketo ricevis apenaŭ 30 respondojn, do la komitato ne povis apogi sin sur tiuj rezultoj por defendi iun ajn proponon dum la kongreso.

- Internacia Junulara Renkontiĝo sukcese kaj bonetose disvolviĝis en Epen, organizita de Saskia. Ĉirkaŭ 35 gejunuloj partoprenis en ĝi.

### Perspektivoj por la estonteco.

- La komitato kunvenis plurfoje dum SAT-kongreso kaj IJR. Ĉeestis Nicolas, Saskia kaj kelkaj aliaj (malmultaj) JF-anoj. Gravajn konstatojn ni devis fari, ĉar nia situacio estas fakte tre alarmiga. Ni devas klare informi ĉiujn pri niaj problemoj, pri la krizo kiun ni fakte alfrontas.

- El nia komitato, eksiĝas Didier kaj Jacqueline ĉar ili jam transpasis la aĝlimon. Jacqueline tamen helpeme pretas zorgi unu plian jaron pri la kaso. Maria informis nin ke ŝi ne estas plej bone lokita persono por orienteŭropa kontakto, kaj ke ŝi ne rikoltis multajn fruktojn en sia laboro. Ŝi tamen pretas daŭrigi en sia posteno de kontaktpersono ĝis ni eble trovos aliulon (Maria Merla, Altalanos Iskola, Templom Tér 26, H-2083 Solymar).

- Saskia jam delonge anoncis sian intencon forlasi la komitaton post la Brusela kongreso.

- "Komitato" restas do nur vorto... ja malplena. Vakas multaj postenoj, kaj neniu nova sin prezentis por transpreni parton de la farenda laboro. Tio signifas ke ni simple senspiriĝas...

La laborkunsida prezentado de tiu situacio dum la kongreso bedaŭrinde ĝis nun naskis nenian solvon.

Ni nur povis interkonsenti dum niaj lastaj kunvenoj ke:

1) Adreso de Nicolas daŭre restos oficiala kontaktadreso de la JF.

2) Vakas postenoj koncerne kason, sekretariadon, butikon (ĝi aktuale ne plu funkcias), redaktadon de broŝuro, organizadon de renkontiĝo...

3) Kontakto kun Latinameriko kaj Orienteŭropo restas pere de Atiljo kaj Maria. Efika kunlaboro ŝajnas dubinda en nunaj kondiĉoj, tamen ni interkonsentis ke almenaŭ financan helpon ni povus disponigi al ili. Ni ja povas eble utile uzi la monon kiun ni havas.

4) Broŝuro "SAT-JF prezentas sin" ne plu povos aperi regule kiel antaŭe (Saskia preskaŭ entute faris numeron 3, Nicolas preskaŭ entute numeron 4, kaj nun numero 5 ŝajnas nek plenigebla nek praktike realigebla pro manko de kunlaborantoj).

5) Nia tradicia jara renkontiĝo eble dum certa periodo ne plu okazos.

6) JF-anoj estas alvokitaj sin turni al Nicolas por kunlabori, kaj esprimiĝi en rubriko "Junaj Voĉoj" de Sennaciulo kiu daŭre restos nia ĉefa ligilo. Ni tiel devas koncentri novajn fortojn kaj trovi novajn ideojn.

*Nicolas Freud*

***Lastmomente:***

**Nova kunordiganto por Sovetio estas: Sergeo ŜMATKOV, pr. Mira 23-12, SU-340015 DONECK, Ukrainio.**

## PATRINOJ KAJ MILITO - fino

al nekonataj politikistaj kaj armeaj decidoj.

La gepatraj protestoj nun okazas en ĉiuj urboj de Jugoslavio. Samaj postuloj, samaj deziroj.

Malfruaj? Jam en multaj partoj de Kroatio estas milito. Generalo Adĵiĉ minacas ke la armeo iros ĝis la definitiva venko. Intertempe al la gepatroj, anstataŭ infanoj revenas ĉerkoj. Cinika estas la klarigo de generaloj, "ke ili ne atendis tian defendon fare de la slovena (kaj nun kroata) popolo". Ĉu tio estas respondo pri la morto de junaj soldatoj?

"Mian filon, kiu soldatservas nur de sep tagoj, vi sendis militi. Kial? Kial vi ne sendas generalojn al la fronto?- demandis senpova patro generalon Avramoviĉ.

" Ĉu vi dezirus ke generaloj mortu? -demandis generalo al tiu patro.

Do, generaloj eĉ ne povas pensi pri propra morto. Sed pri alies ili eĉ ne pensas.

Kiel klarigi al tiuj generaloj, ke tiuj junaj knaboj ne deziras mortigadi siajn samaĝulojn por neniu granda Jugoslavio, granda Serbio, granda Kroatio. Juneco havas unu solan naturan deziron - la vivon.

De la fronto alvenas teruraj informoj. En Baranja (Kroatio) la tankoj troviĝas sur la kampoj kaj detruas ĉion. Tra la Danubo alvenas grupoj de ĉetnikoj (renovigitaj serbaj naciistaj teroristoj - faŝistemaj). Kiuj estas tiuj homoj? Kion ili serĉas en fremdaj kortoj? Ĉu ili havas infanojn? Edzinojn? Kial la edzinoj ne haltigis ilin?

"Mi demandas al vi, patrinoj, je kies nomo tiuj el diskursejoj krias ke Serbio batalos ĝis la lasta Serbo, Kroatio ĝis la lasta Kroato. En kies nomo kaj al kiu ili diras, ke ili batalos ĝis la lasta sangoguto por gardi siajn privilegiojn? Ne permesu, ke per sango de viaj infanoj ili skribu pliajn paĝojn en tiu ĉapitro de la jugoslavia historio, en tiu ĉi periodo de honto" - sendis leteron al la patrinoj, Gregory J. King el Pensilvanio, homo kiu dum pli ol dudek jaroj vivis en Jugoslavio. Mi do ĝisfunde konatiĝis kun via belega lando kaj estis fascinita pri viaj homoj, via gastamo, kutimoj, popolspirito, tradicia persistemo.

Ĝuste en tiu momento okazis al politikistoj kaj generaloj la neantaŭvidebla ribelo de patrinoj, fenomeno kiun la historio registros tute alie ol tiun en Ĉilio aŭ Argentinio. Jugoslaviaj patrinoj ne deziras porti fotojn de siaj, en faŭko de generaloj mortintaj kaj malaperintaj filoj.

## KOTIZTABELO POR 1992

| Lando | Valuto | Helpa kotizo (1)(2)(5) | Plena kotizo (1)(2)(5)(6) | Emeritoj (1)(2)(4)(5) | Familianoj, Junuloj Senlaboruloj (1)(2)(3)(5) | Jara abono Sennaciulo (5) | Abono S. Revuo (2) |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Argentinio | US$ | 16,00 | 8,00 | 6,00 | 4,00 | 8,00 | 2,00 |
| Aŭstralio | Aŭstr.$ | 90,00 | 45,00 | 35,00 | 22,50 | 35,00 | 8,50 |
| Aŭstrio | Ŝilingoj | 930,00 | 465,00 | 360,00 | 235,00 | 360,00 | 85,00 |
| Baltaj landoj | Rubloj | 30,00 | 15,00 | 12,00 | 7,50 | 12,00 | 2,50 |
| Belgio | Belgaj Fr. | 2800,00 | 1400,00 | 1100,00 | 700,00 | 1100,00 | 275,00 |
| Brazilo | US $ | 20,00 | 10,00 | 8,00 | 5,00 | 8,00 | 2,00 |
| Britio | Pundoj | 42,00 | 21,00 | 16,00 | 10,50 | 16,00 | 4,00 |
| Bulgario | Levoj | 80,00 | 40,00 | 30,00 | 20,00 | 30,00 | 10,00 |
| Ĉeĥoslovakio | Ĉeĥaj Kr. | 600,00 | 300,00 | 225,00 | 150,00 | 225,00 | 45,00 |
| Ĉinio | Juanoj | 40,00 | 20,00 | 15,00 | 10,00 | 20,00 | 5,00 |
| Danlando | Danaj Kr. | 550,00 | 275,00 | 210,00 | 135,00 | 210,00 | 50,00 |
| Finnlando | Fin. Mark. | 340,00 | 170,00 | 130,00 | 85,00 | 130,00 | 35,00 |
| Francio | Fr.Fr. | 470,00 | 235,00 | 180,00 | 118,00 | 180,00 | 45,00 |
| Germanio | Ger.Mar. | 144,00 | 72,00 | 56,00 | 36,00 | 56,00 | 14,00 |
| Hispanio | Pesetoj | 5000,00 | 2500,00 | 1875,00 | 1250,00 | 1875,00 | 465,00 |
| Hungario | Forintoj | 800,00 | 400,00 | 300,00 | 200,00 | 300,00 | 75,00 |
| Italio | Ital.Liroj | 88000,00 | 44000,00 | 34000,00 | 22000,00 | 34000,00 | 8500,00 |
| Izraelio | N. Sikloj | 130,00 | 65,00 | 50,00 | 33,00 | 50,00 | 12,50 |
| Japanio | Enoj | 12200,00 | 6100,00 | 4600,00 | 3050,00 | 4600,00 | 1200,00 |
| Jugoslavio | Dinaroj | 300,00 | 150,00 | 115,00 | 75,00 | 115,00 | 30,00 |
| Kanado | Kan. $ | 90,00 | 45,00 | 35,00 | 22,50 | 35,00 | 8,50 |
| Nederlando | Guldenoj | 144,00 | 72,00 | 56,00 | 36,00 | 56,00 | 14,00 |
| Norvegio | Norv.Kr. | 540,00 | 270,00 | 200,00 | 135,00 | 200,00 | 50,00 |
| Novzelando | Novz. $ | 90,00 | 45,00 | 35,00 | 22,50 | 35,00 | 8,50 |
| Pollando | Zlotoj | 100000,00 | 50000,00 | 37500,00 | 25000,00 | 37500,00 | 9500,00 |
| Portugalio | Eskudoj | 3400,00 | 1700,00 | 1300,00 | 850,00 | 1300,00 | 325,00 |
| Sovetio | Rubloj | 30,00 | 15,00 | 12,00 | 7,50 | 12,00 | 2,50 |
| Svedio | Sved. Kr. | 520,00 | 260,00 | 200,00 | 130,00 | 200,00 | 50,00 |
| Svislando | Svis.Fr. | 140,00 | 70,00 | 54,00 | 35,00 | 54,00 | 13,50 |
| Usono | US $ | 84,00 | 42,00 | 32,00 | 21,00 | 32,00 | 8,00 |

Landoj ne ĉi supre menciitaj petu de la SAT-Centro.
(1) - La servo de la asocia organo "Sennaciulo" estas entenata en la kotizo (escepte por familianoj)
(2) - La abono al Sennacieca Revuo, ne entenata en la kotizo, estas aparte pagenda.
(3) - Membroj ĝis aĝo de 25 jaroj estas konsiderataj kiel "Junuloj".
(4) - Emeritoj pagas reduktitan kotizon, kiam iliaj enspezoj estas malaltaj kaj ne ebligas al ili pagi plenan kotizon.
(5) - Por ekstereŭropaj membroj/abonantoj, la kostoj de aerpoŝta sendado de nia organo Sennaciulo estas entenata en la kotiz/abon-tarifoj.
(6) - Aliĝantaj grupoj pagas duoblan kotizon kaj ricevas du gazetojn.

## ADRESOJ DE PERANTOJ

Argentinio: Rodolfo Calogero, Namuncura 1749, Casilla de Correo 435, RA-8300 Neuquen.
Aŭstralio: Kep Enderby, 2 Phoebe Street, Balmain, NSW 2041
Aŭstrio: Dr. klaus Karner, Schützenstr. 44e, A-6020 Innsbruck (poŝtkonto 3799.466 (Oester. postsparkasse, Wien, konto 000-0025223-03)
Baltaj landoj:Viktoras Baniulaitis, ab.d.168, 235800 Klaipeda, Litovio
Belgio: Clémentine Staquet, Rue du Loutrier 14, B-1170 Bruxelles, poŝtkonto 001-0412103-26.
Brazilio: G.R.Ledon, Rua Maria Aparecida Anacleto 111, BR-04809 Sao Paulo-SP.
Britio: E.S. Wojtas, 1160 Stockport Rd., Manchester, M19 2TJ,
Bulgario: Ganĉo Damjanov, Makariopolski 7, BG-6100 Kazanlak
Ĉeĥoslovakio: Miro Zavodsky, Ĉsl. brigady 67, CS-01004 Zilina-Zavodie.
Ĉinio: Ding Yanqing, Yangsi-Yousuo, CN-242044 Xuanzhou, Anhui.
Danio: Ulrik Rasmussen, Nörregärdsvej 66, DK-2610 Rödovre.
Finnlando: Esa Lang, Lokinkatu 5, SF-15610 Lahti, poŝtkonto n° KO 462985-6.
Francio: Pierre Quillaud, 16 rue du Lt. Vaisseau Paris, F-76120 Le Grand Quevilly, poŝtkonto n° 1.906.23 C, Rouen.
Germanio: A.F.Stephan, Carmenstr. 5, D-4000 Düsseldorf 11, poŝtkonto 284399-438 PGA-Essen.
Hispanio: R. Manau Torres, Montseny 5 piso, E-08208 Sabadell, konto: Caixa de Pensions, Oficina 461, Lta.171-29 Sabadell.
Hungario: Béla Kovacs, Béla kiraly u. 44., H-7400 Kaposvar.
Italio: Vittorio Malaroda, Via S. Polo 115, I-34074 Monfalcone, Gorizia, konto:C/C 1074/20 Cassa di Risparmio di Gorizia, fil. de Monfalcone.
Izraelio: Jehoŝua Tilleman, 40 Ŝivtej-Jisrael-Str., IL-26275 Kirjat-Ĥajim.
Japanio: Hiroyuki Tani, Syonai-Higasimati 3-4-6, J-561 Toyonaka-si. Poŝtkonto: Oosaka 8-37624, SAT-Nihon.
Jugoslavio: Ivan Moĉilnik, Pozeŝka 132, YU-11030 Beograd.
Kanado: Eduardo Vivancos, 218 Withrow Ave.,Toronto, M4K 1E1.
Nederlando: J.v.Hulst, Leidsevaart 238, NL-2014 HE Haarlem, poŝtkonto: 2853752.
Norvegio: Per Engen, Söre Bellevuevej 8, N-5019 Bergen.
Novzelando: Brian Fox, 634 South Titirangi Road, Titirangi, Auckland 7,
Pollando: Bonvolu kontakti SAT-Centron en Parizo.
Portugalio: A.P. Da Silva, Rua Antonio Ferreira,9-3°esq,P-1700 Lisbono.
Sovetio: ФСЬ 5278/01134 рёс 164709 В МГЪ Сбербанка РСФСР код ВА МФО 201906 счег 11549 Вульфович Лев
Svedio: Ivar Paulsson, Skytteholmsvägen 29 I, S-171 44 Solna, poŝtkonto 26-63-22-7.
Svisio:Erna Döring, Poŝtfako 225, CH-4003 Basel, poŝtkonto n° 40-43136-2.
Usono: Doug Witscher, P.O. Box 536, Urbana, IL-61801
Aliaj landoj: Adreso de SAT-sidejo, poŝtkonto: 1234-22 K, Paris.

# ALIĜILO
# al la 65-a kongreso de S.A.T. en Kaunas, Litovio
# 05.08.1992 - 15.08.1992

ORGANIZA KONGRES-KOMITATO:
Prezidanto: Povilas JEGOROVAS
Sekretario: Rima SKUDZINSKIENE
Kasisto: Viktoras BANIULAITIS

Aliĝ-kontaktadreso: 233000 KAUNAS - C, ab.k. 167, Litova esperanto-Asocio, Litovio. Oficeja telefono 7-0127-208503 (landa kodo, urba kodo, numero) Telekso 269806 BOOK SU Telefakso: 7-0127-204970. Aldonu vorton Esperanto.

Ĉi aliĝilon bonvolu sendi al la kontaktadreso (tiuj, kiuj pagas tra SAT-Centro, bv. aldoni kopion de aliĝilo).

| Aliĝantoj | Kotizkategorio **A** - en **F.F.** | | | Kotizkategorio **B** - en **Rubloj** | | | Kotizkategorio **C** - en **Rubloj** | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | Ĝis 1.3.92 | Ĝis 1.5.92 | Poste | Ĝis 1.3.92 | Ĝis 1.5.92 | Poste | Ĝis 1.3.92 | Ĝis 1.5.92 | Poste |
| SAT-membro | 250,00 | 300,00 | 350,00 | 50,00 | 55,00 | 60,00 | 30,00 | 40,00 | 50,00 |
| SAT-geedzoj | 400,00 | 450,00 | 500,00 | 70,00 | 80,00 | 90,00 | 50,00 | 60,00 | 70,00 |
| SAT-gejunuloj (15-25 j.) | 125,00 | 150,00 | 175,00 | 25,00 | 30,00 | 35,00 | 45,00 | 25,00 | 35,00 |
| Gasto | 350,00 | 400,00 | 450,00 | 65,00 | 70,00 | 75,00 | 40,00 | 50,00 | 60,00 |
| Gast-geedzoj | 500,00 | 600,00 | 700,00 | 100,00 | 110,00 | 120,00 | 60,00 | 80,00 | 100,00 |
| Gast-gejunuloj (15-25 j.) | 175,00 | 200,00 | 225,00 | 35,00 | 40,00 | 45,00 | 20,00 | 30,00 | 40,00 |

| RESTADKOSTOJ | Kategorio **A** - en **FF** | Kategorio **B** - en **Rubloj** | Kategorio **C** - en **Rubloj** |
|---|---|---|---|
| Junulgastejo | 1500,00 | 300,00 | 200,00 |
| Plurlita ĉambro | 2000,00 | 350,00 | 250,00 |
| Unulita ĉambro | 2500,00 | 400,00 | 300,00 |

**Kategorio A - en F.F.**: Kongresanoj el pagipovaj landoj - pagu la kotizon al Parizo, al poŝtkonto de SAT, n° 1234-22 K, Paris aŭ per karto "VISA" (nepre indiki, per legeblaj literoj, la numeron de via karto kaj ĝian validlimdaton).
**Kategorio B - en Rubloj**: Kongresanoj el ekssocialismaj Eŭropaj landoj, kaj aliaj neriĉaj landoj, pagu surloke, veninte al la kongreso, laŭ dato de via aliĝilo, ricevita de Organiza kongreskomitato.
**Kategorio C - en Rubloj**: Kongresanoj el Sovetunio kaj ĝiaj estintaj kaj nunaj respublikoj sendu la monon al la kasisto de la kongreso, k-do BANIULAITIS Viktoras, Zigmo, 235800 Klaipeda, ab.k. 168, Litovio.

Individua nomo kaj familia nomo.......................................................

Sekso..................Telefono (hejma, ofica)..................Telefakso..................

Adreso .......................................................
.......................................................

Naskiĝdato (tago, monato, jaro).................. Civitaneco..................

Pasporta numero..................Profesio, specialeco..................

SAT-ano N°..................Jaro de esperantistiĝo..................Aktivado en E-movado..................

Mi kontribuos al la programo de la kongreso per..................
.......................................................

Mi proponas por la programo de la kongreso..................
.......................................................

Vegetarano ...JES / NE

daŭrigo dorse ➡

PAGOJ

Kategorio A: Mi pagis al la p.k. de SAT n° 1234-22 K, Paris aŭ per karto "VISA"

aliĝkotizo...... FF....................................

restado.......... FF....................................

solidarkaso..... FF____________________

Sumo........... FF....................................

Kategorio B: Mi pagos surloke....................................

aliĝkotizo...... Rubloj...............................

restado.......... Rubloj...............................

solidarkaso..... Rubloj________________

Sumo........... Rubloj...............................

Kategorio C: Mi pagis al k-do Baniulaitis......................

aliĝkotizo...... Rubloj.............................

restado.......... Rubloj...............................

solidarkaso..... Rubloj________________

Sumo........... Rubloj...............................

Mi ne povas partopreni la kongreson sed deziras ricevi kongresdokumentojn.

Pro tio mi pagas (minimume 50 FF)..............................................................................................

RIMARKOJ:........................................................................................................................................

.....................................................................................................................................................

Subskribo:............................................................ Dato:..........................................................................